alportos surprizoj post la 10-a podkasto... aŭskultu ĉiujn kuriozaĵojn!

## 2) Interrompaĝoj dum la elsendado

En Urugvajo kreskas la kvanto da homoj interesitaj havi aliron al Interreto per rapida konekto; tiom, ke la Ŝtata entrepreno kiu havas la plej grandan parton de la merkato havas problemojn por doni la servon al ĉiuj. Sed ne nur la atendantoj suferas pro tiu problemo, ankaŭ la nunaj uzantoj trovas ke ilia konektado al interreto interrompiĝas ofte. Tio okazas ankaŭ al ni, kaj pro tio dum la lastaj semajnoj, nia elsendo ofte interrompiĝas, kelkfoje dum sekundoj, sed kelkfoje dum minutoj aŭ eĉ horoj.




Ni pardonpetas la aŭskultantoj pro la ĝeno, sed bedaŭrinde nenio fareblas niaflanke... nur atendi ke la entrepreno pligrandigos ĝian konektadon al interreto por pli bone doni la servon al ĉiaj klientoj (inter ili, al ni). Dume, si vi ne sukcesas konekti vin kun nia radio aŭ la programo surprize interrompiĝas, bv atendi kelkajn minutojn kaj provi denove.

## 3) Vi ankoraŭ povas lasi voĉmesaĝojn al Radio Aktiva

Radio Aktiva intencas ĉiam aldoni novajn servojn por la aŭskultantaro, kaj provas plibonigi nian reciprokan interrilaton. Tiucele, Radio Aktiva intencas, ke vi estu pli ol nur aŭskultanto, kaj donas al vi la eblecon aŭdigi vian voĉon.

Por tio, ni kreis uzantonomon en Skajpo (Skype) per kiu ni povas interkomunikiĝi, sed ne nur. Dum multaj horoj dum ĉiu tago, nia nomo aperos en Skajpo, sed kun la averto ke ni ne ĉeestas aŭ estas for. Dum tiuj tempoj, vi povas voki nin, kaj aŭtomate voĉo diros al vi, ke vi povas lasi voĉmesaĝon.

Poste ni aŭskultos la voĉmesaĝojn kaj respondos ilin dum la sekvontaj elsendoj aŭ rekte disaŭdigos la voĉmesaĝojn.

Vi povas simple sendi salutojn, aŭ diskonigi eventon, aŭ la agadon de via asocio, aŭ kion ajn vi volas diri.

Ĉi tio ankoraŭ estas en prova fazo, tiel teknike kiel pri la intereso de la aŭskultantaro pri ĝi.

La servo estos alirebla ankoraŭ dum kelkaj semajnoj, post kiam ni konsideros ĉu daŭrigi ĝin aŭ ne, laŭ la intereso montrita de la aŭskultantoj (t.e., laŭ kiom da mesaĝoj ni ricevos).

Kiel ĉiam, eblas komunikiĝi kun ni per retpoŝto, ĉu per teksto, ĉu per alkroĉita sondosiero.

## 4) Alproksimiĝas la unua jaro da vivo de nia radio

La 21-an de septembro 2006 oficiale komencis elsendi Radio Aktiva, do ni jam alproksimiĝas al nia unua jaro da ekzistado. En la informero de septembro ni kalkulos pri niaj atingoj kaj ne-atingoj. Nun, ni nur volas rememorigi vin, ke nur pro via aŭskultado kaj partoprenado ni ekzistas. Tial ĉiam estas bonvenaj viaj mesaĝoj, kiuj kuraĝigas nin daŭrigi antaŭen.

Scii kion vi ŝatas kaj kion ne estas grava afero por ni. Ankaŭ koni vian nomon kaj el kie vi aŭskultas nin kaj ĉu vi aŭskultas nin rekte aŭ per podkasto estas interese por ni. Sed ĉefe, por ni gravas, ke vi profitu la radion, ke vi uzu ĝin, ĉar la ĉefa celo estas, ke Radio Aktiva estu via, ke ĝi iĝu vera ponto de Esperantujo.

Amike kaj samideane,

*Daniel Bebelacqua, Montevideo, Uruguay*
*Retejo: http://radioaktiva.esperanto.org.uy*
*(aŭskultado, elŝutado de podkastoj, novaĵoj)*
*Retpoŝto: radioaktiva@googlegroups.com*
*RA-0708-1*

# 42-a Brazila Kongreso de Esperanto

## Temo: “Cent Jaroj de E-Movado en Brazilo: Strategioj por la Estonto”.

En Rio de Janeiro, Brazilo, de la 8-a ĝis la 13-a de julio 2006**,** okazis tre grava Esperanto-kongreso. Partoprenis en ĝi, kelke da argentinanoj. Pro la fakto, ke temis pri la plej granda E-renkontiĝo en Sudameriko, kaj pro tio, ke multe da argentinaj esperantistoj ne sukcesis ĉeesti tie, mi sendis al niaj landaj distribulistoj, la ĉiutagajn raportojn, lerte verkitaj de Aloísio Sartorato kie rimarkblas la tre varian programon.

***Rubén Sánchez***

Kun ĉeesto de proksimume 700 personoj okazis, dimanĉo, la oficiala Malferma Kunsido de la 42-a Brazila Kongreso de Esperanto en la teatro de la Universitato de Ŝtato Rio de Janeiro (UERJ).

Post kantado de la Brazila kaj Esperanta Himnoj, la Ĝenerala Sekretario de la Kongreso, Robinson Mattos, legis la mesaĝojn ricevitajn. Interalie, salutis la Kongreson Renato Corsetti, la nuna prezidanto de UEA.

Sekvis mallongaj salutoj de ĉiu podiano: Givanildo Ramos Costa, prezidanto de la LKK; Pedro Cavalheiro, prezidanto de BEL; Geraldo Mattos, prezidanto de la Akademio de Esperanto; Alfredo Aragon, prezidanto de AERJ; Felipe Queiroz, prezidanto de BEJO; kaj Mariza Oliveira, respondeculino de la Infankongreseto kaj ankaŭ oni omaĝis al veteranoj de la movado en Rio.

La unua parto de la Malferma Kunsido finiĝis per ĉefparolado de Pedro Cavalheiro pri la temo de la ĉi-jara Kongreso “Cent Jaroj de E-Movado en Brazilo: Strategioj por la Estonto”.

La dua parto estis dediĉita al artaj prezentadoj: talenta pianisto 10-jara, kiu interpretis Mozart kaj Chopin kaj du korusoj, *“Arte em Canto”* kaj *“Coral Espírita de Bangu”*. Neide Barros Rego ankaŭ bele deklamis la zamenhofan poeziaĵon *"Preĝo sub la Verda Standardo"*.

De la dua ĝis la kvara tago la programo estis vere enhavriĉa kaj plena je varieco.

En la kvina tago aliĝis al la 42-a Brazila Kongreso la 553-a kongresano.

Jen la ĉefaj eventoj: En salono Zamenhof. Prelegoj. Krome okazis en tiu salono aŭkcio, Eksterordinara Ĝenerala Asembleo de BEL kaj prezentado de la partoprenantoj de la Infankongreseto.

En ĉambro Everardo Backheuser okazis prelegoj. En ĉambro Couto Fernández okazis diskuto pri la Kongresaj sub-temoj (Jozefo Lunazzi); Esperanto en Librovendejoj; Esperanto en Turismo; Esperanto en Religioj; Kunveno de la Federacia Konsilantaro de BEL; Kvara Renkonto de Esperantistaj Spiritistoj kun prelego de José Passini pri la temo: *150 Jaroj de la Libro de la Spiritoj kaj la Spiritista Esperantista Brazila Movado.*

En ĉambro F.V. Lorenz: Faka kunsido de la skajpa grupo Karesemio.

En ĉambro Nelson Pereira de Souza okazis pluraj prelego kaj krome en aliaj ĉambroj daŭris la Baza Kurso; Konversacia Grupo; Ekzameno de Porinstruista Kurso; kaj la Infankongreseto.

Vespere, en salono Zamenhof, okazis la lasta Arta Vespero kun la partopreno de: Amarilio Carvalho (deklamado), Silvia Buhler (deklamado kaj kanto), Fabiano Henrique (gitaro), Galindo (kanto kaj gitaro), André Varella (deklamado), Rafael (gitaro kaj kanto), Antonio Moreira (rapisto), Felipe Nain (10-jara talenta pianisto), Germana magiisto kaj **Argentina Kant-Grupo.**

Jen la festo finiĝis, la lumo estingiĝis kaj popol' malaperis. Alvenis la fino de la Jubilea 42-a Brazila Kongreso de Esperanto. Jen la eventoj okazintaj en tiu ĉi lasta tago en salono Zamenhof: La tago komenciĝis per prelego de Lucas Vignoli pri la temo *"Spertoj de BEJO-ataŝeo en Eŭropo"*.

Sekvis Ĝenerala Ordinara Asembleo de BEL, gvidita de Sylla Chaves en kiu estis elektita per aklamado la nova estraro de la institucio por la oficperiodo 2007-2010, sub la devizo "Paco kaj Kunlaboro":

Posttagmeze okazis la tradicia Ferma Kunsido, kiam alparolis diversaj movadanoj kaj estis transdonita la E-a kongresa flago al la LKK de la **43-a BKE, kiu okazos en Fortaleza, en julio 2008.**

Kvankam post kelkaj minutoj komencis la bankedo kaj la balo ĉe "Militista Klubo" al kiu aliĝis 130 personoj, multaj kongresanoj jam estis ĉi-momente revenintaj al siaj devenaj urboj.

Do, karaj, ĝis Fortaleza!

***Aloisio Sartorato, Rio/Brazilo***

TAKE 2008

# Invito de la Amerika Komisiono Kongresumi en Montrealo

Grava E-evento por amerikanoj kaj tutmondanoj okazos denove en 2008.

La Sepa Tutamerika Kongreso de Esperanto (TAKE), en **Montrealo,** (Kanado). kies ĉefa temo estos: ***"Ekosistemoj, lingvoj, kulturoj: Diverseco por daŭripova evoluigo de la Amerikoj"***, okazos de la 12-a ĝis la 18-a de julio 2008.

La antaŭa Tutamerika Kongreso okazis en la jaro 2004 en Havano kaj denove en la venonta jaro la amerika Esperanto-movado subtene de la Amerika Komisiono de UEA kaj aparte de la kanadaj samideanoj sin reparas por tiu ĉi unika regiona renkontiĝo.

La urbo Montrealo kaj ties universitato de Kebekio ofertos malmultekostajn loĝejojn; la kongresa temo *"Ekosistemoj, lingvoj, kultu-kulturoj: diverseco por daŭripova evoluigo",* ebligos prezenti serion da prelegoj, tri- aŭ kvartagan "praktikumon", kun la celo pli konkrete kaj praktike studi kaj komprenigi la problemaron prezentatan, interalie kion ĝi praktike signifas por ni, esperantistoj. Laŭeble oni partoprenigos ankaŭ fakulojn eksteresperantujajn kaj ne mankos kulturaj kaj klerigaj programeroj, ekskursoj kaj aliaj tradiciaj kongreseroj. Per tiu ĉi alvoko ni elkore invitas ĉiujn esperantistojn, ne nur de la amerika kontinento, partopreni la Tutamerikan Kongreson en Montrealo 2008, kaj ne nur per fizika partopreno sed ankaŭ per financa subteno kiu ebligos la ĉeeston de kelkaj latinamerikanoj en tiu ĉi evento. Viaj kontribuoj por la Sepa TAKE pere de la Amerika Fondaĵo estos tre bonvenaj por realigo de tiu ĉi plano subvencii partoprenon de kelkaj latinamerikaj nepagipovuloj. Pliaj informoj vidu en la jena adreso: **www.take7.ca** La Lokan Kongresan Komitaton prezidas Edmond Brent kiu pretas akcepti viajn demandojn. Amike,

***Maritza Gutiérrez, Cuba***

Kubo

# E-Renkontiĝo en orienta provinco Granma

De la 18-a ĝis la 20-a de majo 2007, kun partopreno de 125 esperantistoj, el 7 provincoj, en urbo Bayamo, oriento de Kubo, realiĝis E-renkontiĝo. Ĝi estis organizita de la provinca filio kies prezidanto estas Rafael Cabrera, kaj programita de Kuba E-Asocio.

La tre varia programo enhavis prelegojn pri aktualaj temoj, konversaciajn rondojn por profundigi la konojn de la gramatiko de Esperanto, kulturajn programerojn, kanzonojn, distraĵojn, prezenton de muzik-ensembloj, ktp. –

## AEL Jarkotizo

Individua Membro: .............$ 30,00
Junulo kaj Emerito:.............$ 15,00
Virtuala Membro
[kaj donacoj]:….............. laŭvole

Por informoj pri kiel aligi, bv. vidi paĝon 19

# Internacie

Kongresaj gravaj rimarkoj

# Pri la 92-a Universala Kongreso de Esperanto

De la 4-a ĝis la 11-a de aŭgusto 2007 okazis sukcesa UK, en Jokohamo, Japanio.

*(El retaj Gazetaraj Komunikoj de UEA, Libera Folio, kaj Kongresaj Informoj)*




Simbolo de la UK

Diversaj temoj, diversaj kunsidoj, diversaj artaj aranĝoj ekskursoj, kaj pluraj gravaj atingoj estis la rezulto de la ĉijara 93-a Universala Kongreso okazinta en Jokohamo. Troa materialo por prezenti ĉi tie.

Sed sekve ni rimarkas kelkajn okazintaĵojn.

## Nova UEA-Estraro

La membroj de la nova Estraro de UEA, elektita dum la UK en Jokohamo, decidis pri disdivido de ĉefaj respondecoj.

**Prezidanto** Probal Dasgupta, respondecas pri **kunordigo kaj ĝenerala planado de la agado.** Dasgupta naskiĝis en Kolkato, en Barato, (India Unio). Lia denaska lingvo estas bengala. Li parolas ankaŭ la anglan kaj la sanskritan. Li kreskis en Usono. Li estas lingvisto, doktoro de *New York University* pri sintakso. Laboris pri la rolo de la angla en Barato. Verkas kaj tradukas el la bangala. Revenis al Kolkato, antaŭ unu jaro. Estas membro de la Akademio de Esperanto ekde 1983, kaj de 6 jaroj vic-prezidanto de la Akademio.

**Vicprezidanto** Claude Nourmont (Francio), respondecas ankaŭ en la nova Estraro pri **edukado, kulturo kaj kongresoj**.

Ranieri Clerici (Italio), gvidos la **eksterajn rilatojn** de la Asocio.

Barbara Pietrzak (Pollando), okupiĝos, krom pri kutimaj taskoj de **ĝenerala sekretario**, ankaŭ pri **informado**.

Loes Demmendaal (Nederlando) estas estrarano pri **financo kaj administrado**.

José Antonio Vergara (Ĉilio), ekgvidas la **fakan kaj sciencan agadon** de UEA.

Hori Jasuo (Japanio), respondecas pri **landa kaj regiona agado.**

La estraranoj dividos inter si poste ankoraŭ diversajn specifajn taskojn. Dum la venontaj monatoj ili ankaŭ elektos multajn komisionojn kaj komisiitojn.

## Estontaj Universalaj Kongresoj

Laŭ pritraktoj kaj decidoj de UEA-Estraro la venontaj UK okazos en:

**2008:** 19-a /26-a de julio, Roterdamo, (NL)

**2009:** La jubilea Universala Kongreso de Esperanto en la jaro 2009 okazos en Bjalistoko, (PL), la naskiĝurbo de Ludoviko Zamenhof. Tio iĝis konata en Jokohamo vendrede la 10-an de aŭgusto. En Jokohamo ĉeestis la urbestro de Bjalistoko, kiu eĉ partoprenis la urbestran akcepton kune kun la kongresanoj.

**2010:** ¿...? La programo de la kongreso en Jokohamo marde matene komenciĝis per la tradicia programero "Centra Oficejo respondas". Ĉi-jare mankis plendoj kaj kritikoj pri la laboro de la Centra Oficejo de

UEA. Pri eventuala Universala Kongreso en Moskvo Osmo Buller diris, ke ĝi certe okazos en proksima estonteco, sed li esprimis dubon, ĉu tio eblus jam en 2010. Post "CO respondas" la programo de la kongreso daŭris per kunsido memore al William Auld, "Tago de la lernejo", ekspresa kurso de la japana, nova kunsido pri la kongresa temo, internaciaj ekzamenoj kaj prelegoj en la kongresa universitato.

Osmo Buller komentis ankaŭ planojn pri UK en 2010 kaj diris ke momente ne estas invito el ekstereŭropo sed en aero ŝvebas invitoj el Kubo kaj **Argentino**. Krome troviĝas invito de Ruslando. Osmo diris ke kun granda robableco okazos UK en Ruslando en proksima estonteco sed ĉu jam en 2010 li iom dubas pri tio. Li krome atentigis ke Moskvo estas la plej multekosta urbo en la mondo kaj tio kaŭzos kromajn dubojn por organizo de UK tie.



*UEA-prezidanto* ***Probal Dasgupta,*** *India Unio*

# Salutvorto de la nova UEA-prezidanto

Estimataj geamikoj!

Mi estas estimanto de la amikecoj. Mi salutas vin en la nova rolo de via prezidanto, kiu havas la privilegian devon konstante aŭskulti vin. Esperanto estas specife amika kaj aŭskultema lingvo.

Ni donis unikan formon al nia helpemo ekde 1914. Dum la Unua Mondmilito ni peris mesaĝojn, manĝaĵojn, medikamentojn inter la militantaj landoj. ĉu nur dum milito aperas tiaj urĝoj? Ne! ĉiam ekfajras krizaj bezonoj, ĉu pro subita tertremo ie, ĉu pro konstanta nutraĵomanko aliloke. Niaj helpemaj komunikrimedoj devas ĉiam esti pretaj aŭdi la petojn de akutaj bezonantoj kaj trovi kapablulojn, kiuj tuje kaj taŭge fajrobrigados la fajrojn – precize kiel dum militoj.

Ĉu tia ĝeneralega, skolta helpemado - okupiĝanta pri viktimoj de inundoj, de malsategoj, de tertremoj – estas vere prioritata en movado por neŭtrala mondlingvo? Ni jam respondis tiun demandon en 1914. Jes ja.

Ni estas helpema lingvanaro; ni kredas, ke la lingvoj devas per neŭtrala pontado plibonigi sian komunikreton. Kial? Ĝuste ĉar la plej drastaj suferantoj bezonas esti atingataj kaj servataj fulmrapide. Eĉ sur pli banala nivelo, ni ĉiuj ja scias, ke la delegita reto kaj aliaj UEA-strukturoj estas absolutaj antaŭkondiĉoj por nia kolektiva ekzisto, pli gravaj ol la gramatiko.

La nuna estraro laboras por plifirmigi niajn instituciojn, ĝuste ĉar ni vidas en ili la esencon kaj estontecon de la zamenhofa lingvo. Venas 2008, kiun UN deklaris la Internacia Jaro de la Lingvoj; kaj ni centjariĝos! Vi, kiuj kongresas, kaj precipe tiuj inter vi, kiuj staras ĉe la sojlo de UEA kaj ne en nia anaro, bonvolu ja aliĝi al la Asocio kaj kunagi kun ni! Vi trovos, ke ni helpas atingi ankaŭ viajn celojn.

# La Kongresa Rezolucio

La ĉi-jara Kongresa Rezolucio atentigas pri "la akuta neceso konsciiĝi pri interkulturaj problemoj en kaj ekster la Esperanto-komunumo, kaj rilati kun instancoj kaj asocioj kiuj jam okupiĝas pri tiaj problemoj". Ni publikigas la tutan Rezolucion, akceptitan de la komitato de UEA vendrede, la 10-an de aŭgusto 2007.

# Rezolucio de la 92-a Universala Kongreso de Esperanto

La 92-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Jokohamo (Japanio) kun 1900 partoprenantoj el 57 landoj kun la temo "Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto",

**Konstatinte,** ke ideoj kaj influoj moviĝas ambaŭdirekte inter "Okcidento" kaj "Oriento", sed ke pro la aktualaj neegalecoj tiu reciprokeco iĝis nevidebla,

**Konstatinte,** ke tiu sama kaŭzo malhelpas ankaŭ la fluon de ideoj kaj influoj inter aziaj landoj,

**Notinte,** ke tro rigidaj konceptoj pri "Okcidento" kaj "Oriento" malhelpas interlokajn dialogojn, kaj

**Notinte kun kontento,** ke la 2008a jaro estas proklamita fare de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj kiel Internacia Jaro de Lingvoj,

**Rekomendas,** ke la rilatoj inter civilizoj kaj kulturoj baziĝu ne sur konflikto sed sur interkompreniĝo, justeco kaj paco,

**Konfirmas** la potencialon de Esperanto por interponti homojn de diversaj lingvoj kaj kulturoj,

**Atentigas** samtempe pri la akuta neceso konsciiĝi pri interkulturaj problemoj en kaj ekster la Esperanto-komunumo, kaj rilati kun instancoj kaj asocioj kiuj jam okupiĝas pri tiaj problemoj,

**Deklaras**, ke la ekesto de regiona kunlaboro ankaŭ en Azio kaj aliaj mondopartoj estas esenca antaŭkondiĉo por la plua disvolviĝo de Esperantaj agadoj tie,

**Esprimas** la senkondiĉan subtenon de la Esperanto-komunumo al vera plurlingvismo kiel rimedo por akceli unuecon en diverseco, kaj kuraĝigas esperantistojn energie labori por la plenumo de la celoj de Unuiĝintaj Nacioj por la Internacia Jaro de Lingvoj.





# Komencis la kongresa laboro por la Bjalistoka Universala Kongreso de 2009

Cele al sukcesa okazigo de brila Kongreso UEA laboras.

La Ĝenerala Direktoro de UEA Osmo Buller kaj la Konstanta Kongresa Sekretario Clay Magalhaes faris laborviziton al Bjalistoko la 11-an kaj 12-an de oktobro. Temis pri ilia unua vizito al Bjalistoko post la decido de la Estraro de UEA, ke la 94-a Universala Kongreso de Esperanto en 2009 okazos tie por prifesti la 150-an datrevenon de la naskiĝo de L. L. Zamenhof. La oficistojn akompanis la Ĝenerala Sekretario de UEA Barbara Pietrzak kaj, flanke de la loka esperantistaro, Jaroslaw Parzyszek kaj Elzbieta Karczewska, prezidantoj respektive de Fondumo Zamenhof kaj Bjalistoka Esperanto-Societo, kaj Nina Pietuchowska, sekretario de Fondumo Zamenhof.

Denove konfirmiĝis la eksterordinare favora sinteno, kiun Esperanto kaj la okazigo de UK ĝuas ĉe la aŭtoritatoj de la naskiĝurbo de Zamenhof kaj kiu manifestiĝis en la Jokohama UK per la elpaŝoj de la urbestro, d-ro Tadeusz Truskolaski. Dum renkontiĝo kun la urbestro la reprezentantoj de UEA traktis diversajn aspektojn de la antaŭvidata urba subteno al la organizado de la UK. Poste d-ro Truskolaski kaj Osmo Buller donis gazetaran konferencon, en kies komenco Buller transdonis al la urbestro specialan diplomon pri lia elekto kiel "Amiko de

Esperanto" rezulte de voĉdonado de la reta gazeto "Freŝo". La konferencon partoprenis ĵurnalistoj de multaj lokaj kaj tutlandaj amaskomunikiloj. Krome, Barbara Pietrzak estis intervjuita de Pola Televido.

La funkciuloj de UEA diskutis pri UK-preparoj ankaŭ kun vicurbestro Aleksander Sosna kaj konatiĝis kun turismaj entreprenoj. Ili vizitis ankaŭ la ejojn de la Teknika Universitato, kiu funkcios kiel la ĉefa kongresejo de la 94-a UK kaj apud kiu estos starigita granda tendo por la inaŭguro k.a. programeroj celitaj por la tuta kongresanaro.

En la densa programo estis ankaŭ multnombre vizititaj prelegoj al studentoj. Osmo Buller parolis en la historia fakultato de la Bjalistoka Universitato pri la historiode UEA kaj UK-oj. Grandan intereson elvokis la prelego de Clay Magalhaes al studentoj de turismiko en la Teknika Universitato pri la organizado de UK-oj kaj ĝiaj specifaĵoj kompare kun aliaj internaciaj kongresoj. La prelegon de Magalhaes antaŭis prelego de prof. Halina Swieczkowska pri filozofiaj aspektoj de planlingva kreado.

En kunsido kun profesorino Hanna Konopka, prezidanto de la Komitato de Fondumo Zamenhof, oni traktis la funkciadon de la Fondumo kaj ĝiajn planojn por estonteco. Post 20-jara serĉado de solida bazo por ĝiaj aktivaĵoj oni nun rigardas antaŭen kun optimismo, ĉar verŝajne la Fondumo baldaŭ ricevos propran ejon por starigi Zamenhof-muzeon, ekspozicion, bibliotekon kaj esplorejon pri Esperanto kaj interlingvistiko. La apogon al tiuj planoj kaj al la invito de UK direktoro Buller vidas kiel klaran indikon, ke la nunaj decidfarantoj de la urbo malkovris la unikan potencialon por turismo kaj ekonomio, kiun prezentas la fakto, ke la aŭtoro de Esperanto naskiĝis en Bjalistoko.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA, n-ro 270***

Ĉu vi jam aliĝis al AEL?
Via kontribuo estas ĉiam bonvena.



# La nederlandaj instruistoj kunsidis

La Nederlanda ILEI-Sekcio, NGGE, okazigis la 6-an de oktobro 2007 sian jam tradician Studotagon.

Ĉijare la temo estis 'Azia uzo de Esperanto' kaj kiel ĉefpreleganto estis s-ino Kimie Markarian, japandevena esperantisto el Britio. Ankaŭ parolis pri siaj spertoj kiel lernanto s-ino Wosik Schutijser, koredevena kaj nun loĝanta en Nederlando.

En la posttagmezo estis forumo, kiam la NGGE-prezidanto, Rob Moerbeek, prezentis frazojn kun eraroj, kiujn li aŭdis dum diversaj E-aranĝoj. La ĉeestantoj povis formuli la frazon en sia ĝusta formo kaj estis priparolitaj la gramatikeroj ligitaj al la eraro farita. La Studotago okazis en la sidejo de la Internacia Esperanto-Instituto.

***Atilio Orellana Rojas***
***NGGE-Sekretario***

# Korespond-deziras

La provinca filio de Kuba E-Asocio en Bayamo, deziras korespondi kun argentinanoj. Poŝta adreso:
Apartado de Correo 48, Bayamo 1
CU-85100 Granma
Cuba.

*Rafael Cabrera Espinosa,*
*prezidanto*

# Ni ricevis

La Redakcio kore dankas pro jenaj E-ricevaĵoj: Avanco [CU], Esperanto [NL], Heroldo de Esperanto [CH], La Kancer-Kliniko [FR], La Espero [SE], Bazaro [RO], Antaŭen [ES], Folioj de Katamikaro [NL], Gaja Haveno [BR]. Informilo de Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo [PL]. Se via sendo ne aperas Bv. informi al la Redakcio.

# Anuncios

## Comunicamos a nuestros lectores que:

el tesorero de AEL nos envió el siguiente informe. **Teniendo en cuenta que:**
a) los costos de impresión y en particular los costos de envío han experimentado un significativo incremento, (el franqueo “impreso” hasta 100 gs. de $1 pasó a costar $2). b) los aportes de socios son relativamente pocos, **por lo tanto,** si hasta la fecha Ud. ha recibido en su domicilio nuestra revista impresa pero no ha realizado su aporte correspondiente, la misma no podrá ser enviada por correo postal. De no contar con una respuesta satisfactoria al respecto, la redacción lamentablemente interrumpirá los envíos.

**Además, desearíamos saber si:**

* la revista es de su interés, o no es de su interés.
* la calidad de la revista no es la esperada.
* si el contenido es escaso.
* no lee la revista.
* lee la revista virtual y no la impresa.
* no la recibe en su domicilio.
* el correo postal no la entrega en tiempo y forma.
* la redacción ¿posee su dirección actualizada?
* a aportado y no se lo han reconocido.
* no desea aportar mas para la revista.
* etc., etc.".

Esperamos su respuesta a la dirección electrónica del secretario/tesorero:

sekretario@esperanto.org.ar

o la dirección de esta redacción:

rubendiaconu@yahoo.com.ar

**Sugerencia:** Debido a que la comisión bancaria por depósito es elevada, se recomienda efectuar depósitos comunitarios, por un mismo costo.

## ¿Socio de UEA?

Si desea abonar su adhesión a UEA puede contactarse con el Presidente de AEL, Sr. Alcides Wentinck. (Ver informe superior)

## AEL necesita su adhesión

Si Ud desea abonar su adhesión, colaborar con las tareas de AEL o adherirse a UEA envíe su aporte mediante depósito en Banco Francés, [sin costo], cuenta N° 147005789/3, a nombre de:
Alcides Pieter Wentinck, DNI 93.709.394,
Calle Libertad 3226
B1602DJD Florida, Vicente López
Buenos Aires
y luego indefectiblemente informe sobre dicha operación a:

wanelec@sion.com

Si desea colaborar con la edición y distribución de la revista **Argentina E-Vento** también puede enviar su contribución mediante el “Banco Patagonia”, depositando su aporte en “Caja de Ahorro” suc. 110, Sáenz Peña, cuenta N° 394101439, del Sr. Oscar C. Monge, [sólo se descontará $7,27 como gasto bancario por depósito].
Rogamos siempre informar sobre su operación a esta redacción:

rubendiaconu@yahoo.com.ar.

## Agradecimiento

Por las adhesiones y colaboraciones recibidas AEL agradece a: Tony Stacul [Chaco], Berna Morzán [Chaco], J. C. de Schafheutle [Chaco], Asociación Rosarina de Esperanto [Santa Fe], E. Moreira [Santa Fe], Club Saenzpeñense de Esperanto [Chaco], Nélida Monasterio [Buenos Aires,] Alcides Wentinck [Buenos Aires], Jorge E. Cabrera [Buenos Aires], Ada Matova (Cataluña, España), Cecilia Prudkin [Buenos Aires], Alberto Aune [Buenos Aires], Silvia Rottenberg [Buenos Aires], Delia Beatriz Romero [Buenos Aires], Inés Beaumont [Buenos Aires], Roberto Sartor [Buenos Aires], Stephanie Cabovianco [Buenos Aires], Aneta Ubik [Buenos Aires], Rubén Sánchez [Neuquén], Christian Hummel [Buenos Aires], Ana M. de Pacheco [Chaco].

# Distraĵo

## Ridetu!

Politikisto, arkitekto kaj kuracisto diskutas por sciiĝi kiu estas la plej antikva profesio.
Diras la kuracisto:
-- La plej antikva profesio estas la medicino. Kiam Dio faris la virinon el iu ripo de Adamo, tio estis la unua kirurgia ago en al historio.
Refutas la arkitekto:
-- Tute ne! La kreado de la mondo estis la unua verko de la arkitekturo, kaj la profesio de arkitekto estas do la plej antikva. Antaŭ ol la kreado de la mondo nur estis la kaoso!
Ĝuste tiam prenas la vorton la politikisto, tute fiera:
--Kaj kiu vi pensas, ke faris la kaoson!
***Gaja Haveno, n-ro 30, aŭgusto 2007 (BR)***

## Edzo

Virino aperigas anonceton en Ĝangalo: "Mi serĉas edzon".
Baldaŭ venas multegaj leteroj. Preskaŭ en ĉiu estas skribita:
"Prenu la mian!"

## Universitata fininto

Juna viro ĵus fininta la universitaton, atingas sian unuan laborpostenon en granda vendejo. La vendestro gaje lin salutas, manprenas kaj donante broson, dirante:
- Via unua tasko estas purigi la plankon en la tuta vendejego.
La konsternita novulo:
- Tamen....mi ja estas universitata fininto!
- Ho, mil pardonojn, - diras la estro,- mi ne sciis tion. Donu la broson, mi montru al vi, kiel oni tion faras.
***Antaŭen n-ro 38, julio 2007 (ES)***

## Pensigaj diraĵoj

- "La plej ne estas la malbono, sed la silento de la bona uloj". *M. L. King*
- "Mi ne havas ĉion kion mi amas, sed amas ĉion kion mi havas". *Nekonata*
- "La dubo estas unu el la nomoj de la inteligento". *J. L. Borges*
- "Mi estas civitano, ne el Ateno aŭ el Grekio, sed el la mondo". *Sócrates*

**Redakcio de Argentina Esperanto-Ligo:** Calles 119 y 122, AR-H3700FTT Pres. R. Sáenz Peña, Argentino



**Sr/a :**